# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto **Cent oka Eldono 21/04/2013** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer** **Provlegita de Nicole Else**

La informa kaj noma paĝoj aperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Aŭskultu **Esperantan Retradion** TAGE

Informaj rakontetoj, Bona lingvo, **Programlisto**



### Fine, kiel beboj lernas paroli? (17.04.13)

Profesoro Charles Yang, el la Universitato de Pensilvanio, en Usono, publikigis studaĵon en revuo de la Akademio de Scienco, per kiu li proponas tute alian klarigon por la lingvoakiro fare de infanoj: ili lernas paroli per gramatiko! En tio, li apogas la teorion de la fama usona lingvisto Noam Chomsky, laŭ kiu la homa lingvo estas speco de instinkto. Kompreneble, per "gramatiko" la profesoro ne celas tiun enuigan serion da reguloj, kiuj turmentas gelernantojn en lernejoj. Temas pri la fakto, ke infanoj ne nur imitas kaj ripetas, sed sekvas "ĝeneralajn regulojn", (Malgranda eltiro el la bona reta programo)

Esperantaj-RetRadioj. http://esperanto-radio.com/

**3ZZZ Radio Melburno** http://esperanto-radio.com/3zzzradio

## Esperanto-Grupo de Centra Marbordo

kunvenas la duan dimanĉon de ĉiu monato 2ptm

Bamboo Buddha Café 221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250

Je la 14-a de aprilo, kvin esperantistoj kunvenis ĉe la kafejo Bamboo Buddha. La grupo estis **iom pli malgranda ol kutime, sed la vetero estis tre plaĉa kaj ankaŭ la konversacio. Nova** membro venis unuafoje: J Marc Schmidt (ankaŭ konata kiel Marko). Li estas profesia komiksverkisto kaj li alportis ekzemplerojn de sia nova, amuza esperanta komikslibro,

"Rakonto de Ovoj". Jonathan Cooper diskutis ankaŭ libron, kiun li ĵus legis, "In the land of invented languages". Ne surprize, la libro parolas multe pri Esperanto, sed ĝi ankaŭ eksplikas ke la unua konstruita lingvo ekestis antaŭ almenaŭ ok jarcentoj. La verkisto, Arika Okrent, donas interesan perspektivon – kiel eksterulo – pri Esperantujo. Ekzemple, (kiel tradukita de Jonathan): "Esperantistoj ne volas forpreni vian identecon. Kontraŭe, ili ne povas havi sufiĉe da ĝi. Ili nur volas ke vi esprimu ĝin en Esperanto, por ke ĉiuj povu aprezi ĝin."



La foto montras (de maldekstre):
Jonathan Cooper, Gerry Phelan, J Marc Schmidt, Julie Regal kaj Amy Friedman.
informis Jonathan Cooper



## La Manlia Esperanto-Klubo.

kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

20 Aprilo Pluvegis. Venis 3 Roger, Eunice, John

La Brisbana Esperanto-Societo Kvara Sabato 1ptm Kay Anderson 07 3372 7006

La Brisbana Esperanto-Kafklubo Kvara Sabato 3ptm

La Tasmania Esperanta Societo Jaŭde 7ptm

La Melburna Esperanto-Klubo Lunde 6.30ptm

Esperanto Kafo Klubo de Kanbero Vendrede 5ptm

Esperanto-Domo Sidnejo Grupo kunvenos Dimanĉon la 28an de Aprilo 12tm

Torkio Esperanto Kafo Klubo – Viktorio Lasta Dimanĉo 12tm 03 5261 2899

Esperanto en Sudaŭstralio (La Adelajda Esperanto-klubo.)

Adelajda Esperejo unua merkredo 08 8242 1460

Esperanto League of Western Australia Inc. unua kaj tria sabato (08) 9343 9532.

Esperanto in Australia Meetup group.

**Sydney Language Festival 2013**

ORMARBORDA ESPERANTO-GRUPO

NOVKASTELA ESPERANTO-SOCIETO

SUDORIENTA ESPERANTO-KLUBO

MELBURNA ESPERANTO KAFO KLUBO

GRUPO DE MELBURNAJ ESPERANTO-LERNANTOJ

MELBURNA ESPERANTA RENKONTO-GRUPO

TOOWOOMBA ESPERANTO-SOCIETO

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio
ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## * Nia lasta kunvenraporto

**2012-03-29 - AEA raportas:**

Nian lastan Skype estrarkunvenon (11/04/2013) ĉeestis Heather, Indrani, Kam Lee kaj Sandor.

***Niaj aĵoj**
La libroj de Don Broadribb nun estas en la Esperanto Domo en Sidnejo. Multajn dankojn al Dimitri, kiu multe helpis kun la "akceptado" de la libroj
Bedaŭrinde, nia aĵoj ankoraŭ estas en Fort Knox en Melburno. Post iom da prokrasto (ni esperis ke eble Andy Lutz povus porti ilin al Sidnejo), ni nun elektis komercan kompanion, kiu transportos ilin al Sidnejo kiel eble plej baldaŭ. Do refoje, ni tre esperas ke tiu "teda" tagordpunkto vere baldaŭ malaperos el niaj raportoj.

***Venonta Kongreso**
Nia venonta kongreso/somerkursaro okazos inter la 3 – 12 de januaro en Kanbero.
Ni ankoraŭ ne mendis kongresejon. Huigh Malcolm daŭrigas la enketojn. Sandor estos en Kanbero inter la 22 – 27/4.
Ni ankaŭ ne progresis kun la elekto de eksterlanda instruisto.

*** Indonezia Kongreso**
Sandor partoprenis la Indonezian kongreson inter la 5-a kaj 8-a de aprilo en Bogor. (Rigardu pli detalan raporton en AE 106)
Tie li transdonis la inviton: Ni pagos por ke du esperantistoj el Indonezio partoprenu nian kongreson en januaro en Kanbero. (Rigardu la apartajn du invitleterojn en tiu ĉi numero)
Tie ni ankaŭ proponis komunan kongreson/somerkursaron iam en la estonteco.
Ni ankaŭ skribis al ili "oficialajn" invitleterojn.

*** ESK**
La venonta ESK estas preskaŭ preta. Multajn dankojn, Kam Lee!

*** Kiel trakti nian historion?**
Indrani skribos leteron kiun ni diskutos kaj poste sendos al ĉiuj.

Ni daŭrigas la serĉadon por
*** Du novaj kunlaborantoj en la estraro**
Interesa laboro. Interesaj kolegoj. Interesa lingvo. Pensu pri ĝi kaj alparolu/sciigu nin.

Heather, Indrani, Kam Lee, Sandor

**PROPONO POR KOMUNA KONGRESO/EVENTO**
**AEA KAJ IEA**

AEA(Aŭstralia Esperanto Asocio) proponas al IEA(Indonezia Esperanto Asocio) starigi

**Komunan Kongreson/Kursaron en Indonezio.**

Ni ŝatus la ideon elekti la insulon de Bali por la evento.
Jen niaj proponitaj datoj, en ordo de nia prefero:

(1) Dum la unuaj tri semajnoj de januaro 2015
(2) Dum niaj vintraj ferioj: 4/7 – 15/7/2015
(3) Dum niaj paskaj ferioj en 2015: 12/4 – 27/4/2015, eble ĉirkaŭ la semajnfino de 18/19 aprilo 2015

Kompreneble, ni ankaŭ serioze konsiderus viajn proponojn rilate al aliaj lokoj kaj/aŭ tempo.
Kvankam la evento okazus en Indonezio multe da aferoj povas esti aranĝitaj en Aŭstralio.
Ni antaŭĝuas la kunlaboron kun niaj najbaraj esperantistoj.
Plej amike,
Heather, Indrani, Kam Lee, Margaret, Sandor
(por la estraro de AEA)

# INVITO

## de du Esperantistaj indonezianoj

### al la venonta kongreso/kursaro de AEA en januaro 2014 en Kanbero

AEA invitas **du indoneziajn esperantistojn** al nia venonta kongreso/sumerkursaro, kiu okazos inter la 4-a kaj la 12-a de januaro 2014 en Kanbero, Aŭstralio

Ni pagos:

- la flugbiletojn
- la aliĝojn
- la loĝadon kaj manĝadon (tri foje tage)

La Indonezia Esperanto Asocio (IEA) elektu la du partoprenantojn laŭ siaj kriterioj, sed ni preferus, ke la du personoj havu sufiĉe bonan lingvokapablon por prezenti Indonezion al la aliaj partoprenantoj.
Ni antaŭĝuas la kunlaboron kun niaj najbaraj esperantistoj.
Plej amike,
Heather, Indrani, Kam Lee, Margaret, Sandor
(estraranoj de AEA)

*** Propono por komuna kongreso/evento (IEA & AEA)**
**(Mi sendis la du proponojn al la indonezianoj hodiaŭ 15/4)**

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu oni deziras forgesi?

## Vintra Lernejo en Junio

Mi volus anonci la instruistojn por la Sheidow Parko Vintra Lernejo, kiu okazos dum la Reĝina Longa Semajnfino en junio. Ĉi tiuj estos Brodie, baznivelaj, Brendan Linnane la meznivelaj kaj Trevor Steele, altnivelaj. Mi antaŭĝuas gastigi multajn el vi en mia lernejo en junio.
Gordon Coleman



## Vintra Lernejo en Junio

Mi ŝatus aranĝi alian vintran lernejon en Junio ĉi tiun jaron, dum la Reĝina Naskiĝtaga Longa Semajnfino kaj ŝatus scii kiom da homoj deziras ĉeesti. Ni havus diversajn lecionojn en la matenoj kaj prezentojn en la posttagmezoj. Ankaŭ matena teo kaj kafo kaj tagmanĝo

estos havebla.
Ĝi okazos en mia lernejo kaj estos malgranda kosto por kovri la teon, kafon ktp kaj ceteraĵojn bezonatajn. Ne uzita mono estos donacita al la lerneja studenta konsilantaro.
Gordon Coleman, Adelaide, Tottenham Boy in Exile.

Saluton,
Mi ĝojas ke ankoraŭ ĉijare povos okazi vintra kursaro en la lernejo de s-ro Coleman kaj esperas ke ĝi estos sukcesa.
Tamen mi havas demandon: ĉu ankaŭ la francaj esperantistoj estos bonvenaj?
Franciska Toubale

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena







Feliĉigis min legi pri la sukceso de la E-Kongreso en Indonezio. Gratulojn kaj dankojn al la sindonemaj anoj de la Melburna E-Societo, kaj precipe al Heather kaj la karmemora Ivan Heldzingen; ankaŭ al Heidi Goes kaj al la partoprenantoj (la fotoj bedaŭrinde ne montras al ni la sufiĉe kontentigan amason da partoprenantoj).
Vera

Ĉ, Ĝ, Ĵ, Ĥ, Ŝ kaj Ŭ Solvoj, diskutoj, angle http://www.esperanto-usa.org/en/node/108 Roger

## Lingvaj kaj aliaj konsiloj de Volo



Kara Roger,
En via AE n-ro 107 sur paĝo 2 sub 3ZZZ mi trovis , ke vi skribis: audeblas; tio devus esti: aŭdeblas.
Paĝo 3, sub Melbourne Esperanto Klubo mankas akuzativo: ...fari sugestojn pri ”La Ŝlosilo” kiun Roger...
Paĝo 4, Esperanto en Sudaŭstralio: Indrani: kasistino, Katja: sekretariino.
Necesas ĉiam uzi la inan formon kiam la posteno estas donita al virino. Se la angla lingvo ŝanĝas sian gramatikon, ni ne povas sekvi tiun kutimon ĉar aliaj landoj kiuj ne uzas la anglan lingvon ne ŝanĝas siajn lingvo-kutimojn kaj ĉiam uzas la inan formon en siaj naciaj lingvoj kaj en Esperanto.
Paĝo 5 : Vi konstante plendas pri la elspezita mono de AEA, kaj la kasistino ne respondas. Ŝajnas al mi, ke en la momento ŝi havas sufiĉe da laboro kaj ne bezonas komplikaĵojn. Sed vi ja povas sendi al ŝi retmesaĝon kaj peti klarigon.

Vi havas 2 paĝojn da BRUNAJ adreslistoj de la kluboj. Ĉar ili ĉiam ripetiĝas ĉu ne sufiĉus meti tion nur en ĉiun 5an eldonon? Se estas io grava de unu aŭ alia klubo vi ja povas enmeti tion.

En n-ro 106 Terry Manly skribis en sia letero: ate de. Mi tion ne konsideras esti Esperanto. Tio estas Leereveldaĵo kiu nur komplikigas Esperanton. Por uzi tion oni devas lerni 5 novajn regulojn, kvazaŭ la nunaj 16 reguloj ne sufiĉas, ni nun devus lerni 5 novajn regulojn kiuj estas sufiĉe komplikaj. Por pli ol cent jaroj sufiĉis uzi „de“, kial ni nun devas uzi ate aŭ ante anstataŭ « de mi » mi ne komprenas.

La antaŭa redaktoro de la Suda Kruco, s-ro Donald Broadribb tre kontraŭis tiun novaĵon de Leereveld kaj li trovis 7 diversajn tradukojn por ante kaj ate ĉar Leereveld ne informis lin pri la signifo. Leereveld estis membro de SAT, kiam li sendis artikolon por Sennaciulo, en kiun li metis kelkajn ante kaj ate, ili havis kunvenon de ĉiuj spertuloj en Parizo por eltrovi la signifon. Sed neniu sciis ke tio nur signifas « de ». Ili sendis leteron al Leereveld kaj petis klarigon, ili ne ricevis respondon. Kiam venis la tempo por pagi la kotizon al Kep Enderby, kiu tiutempe estis la peranto (kolektanto de kotizoj kaj faciliganto de aliĝoj) por Aŭstralio, li skribis al Leereveld sed tute ne ricevis respondon. Tre stranga ago de Leereveld.
Saluton, Volo

*Komento de Nicole* : "Ĉe neŭtra radiko oni povas aldoni IN, se oni volas klare montri, ke temas pri ino, sed tio ne estas deviga." Pliaj informoj: http://bertilow.com/pmeg/gramatiko/o-vortoj/seksa_signifo.html



Bonvenon al eta (denaska Esperantistino?) Jasmin kaj gratulojn al Miranda kaj Pasa. Ĉion la plej bonan al la feliĉa familio
Gratulas Vera Payne

# la 23an de aprilo eblos renkonti eksterlandajn esperantistojn en Sidnejo.

S-ino Margaret Chaldecott,
Dankon pro Via respondo al mi kaj al S-ino Yunko Oshima. Ni ĝojas, ke ni renkontiĝos kun Vi en Sydney ĉe la Hotelo Hyde Park la 23-an de aprilo (marde) je la 10 horo matene. Espereble ĝis la 10 horo atingos la hotelon S-ino Yunko Oshima el la flughaveno de Sydney kaj eble ni povos ne nur interparoli, sed komune promeni dum ĉ. 10-13 horo tra centro de Sydney ĝis Opera House, Rocks kaj Harbour Bridge. Poste ni planas pramveturi tra belega Sydney Haveno al Darling Harbour kaj viziti ankaŭ ev. Akvariumon kaj ĉinan kvartalon, sed tion ni jam povas realigi solaj por ne ĝeni Vin tro longe. Kiom de niaj E-libroj kunporti senpage por Vi kaj aliaj esperantistoj en Sydney?
Dume kore salutas
Andrzej Grzebowski

Kara Yunko Oshima
Mi ricevis kopion de la letero kiun Andrej sendis al vi, pri via vizito al Sydney la 23an de la nuna monato,
Espereble estos aliaj kiuj volas iri al la sama hotelo per la flughavena buso. Mi scias ke estas multaj busoj de la flughaveno kiuj iros rekte al hoteloj en la urbcentro; vi nur devas trovi la bezonatan.
Mi mem loĝas tre for de la flughaveno - preskaŭ 35km - kaj ne havas mian propran aŭtomobilon, do per publika transporto mi bezonus eble 3 horojn por atingi la flughavenon ĝustatempe por renkonti vin. Sed mi ja povas iri al la hotelo.
Mi esperas ke vi havas interesajn tagojn for de via hejmo.
Margaret Chaldecott

## Gasto de Esp Domo

Al vi kare,
Mi volas scii ĉu mi povos gasti en Esperanto-Domo en Redfern. Mi estas Aŭstraliano kiu kutime loĝas en Japanujo. Mi ĉeestis la monatan Esperanto-kunsidon lastjaran en Oktobro, do mi konas

plurajn Esperantistojn de Sidnejo. Mi volas gasti tie por plibonigi mian Esperantan nivelon, kaj por plie partopreni la movadon en Sidnejo.
Se la gastĉambro havas liberan spacon por unu homo, mi volos gasti tie de la venonta semajno, ĝis la monata kunsido en aprilo.
Bondezire,
Marc Schmidt (Marko)
Respondo: Nenia problemo, bonvenon, Roger

# Azia Esperanto-kongreso

La 7a Azia Esperanto-kongreso komenciĝis la 18an de aprilo en Israelo.
156 homoj el 25 landoj aliĝis ĝis 2013-04-12. Nur unu el ili estas aŭstraliano: Daniel Kane.
Amike, Nicole

## Volo sendas respondon al la letero de Marcel Leereveld en AE101



Mi devas diri, ke mi estas surprizita pri tiu letero de Marcel Leereveld en AE 101, kiu tute baziĝas sur la miskoncepto de Marcel Leereveld. Ke AEA pro la kompaniiĝo perdis multe eĉ multege da mono, kaj daŭros perdi nenecese monon, mi ne komprenas, sed ni povos demandi la novan kasistinon, Indrani, kiam ŝi havos tempon por respondi al tiuj demandoj.

Se fakte estus pli bone por AEA fariĝi (pli praktike) asocio, oni povos ŝanĝi AEA al asocio sen perdi monon aŭ kapitalon !

Kaj nun la akuzo : La antaŭaj Estraroj sendube sciis tion, por sia propra bonesto, kaj la ordinaraj membroj ĉiuj kredis ilin kaj ne ekzamenis la kritikojn de la kontraŭuloj. Fakte mi neniam vidis tiujn kritikojn, sed post legado de la letero de Marcel, mi nur povas konkludi ke tiuj kritikoj same kiel la letero baziĝas sur la miskonceptoj de Marcel.

Ŝajnas al mi, ke Marcel ne legis la Statuton de AEA, kiu tute klare diras sur paĝo 2, paragrafo VII.1 : The members have no right to any surplus assets remaining after completion of the winding up or dissolution of the Association.

Kaj kompreneble la Estraranoj ankaŭ estas membroj de la Asocio. Do ĉe la likvido de la kompanio por poste starigi asocion, oni perdas nenion. La kapitalo ne povas esti pagata al ĉiuj nunaj membroj kaj la nunaj membroj ne estas akciuloj, AEA ne eldonis akciojn.

Paragrafo VII.2 diras : If upon the winding up or dissolution of the Association there remains after satisfaction of all its debts and liabilities, any property, this must be given to an Association or Associations:
2.1 with objects similar to the objects of the Association
2.2 whose Association prohibits the distribution of income and property among members to an extend at least as great as is imposed by this constitution;
2.3 chosen by the members of the Association at or before the completion of winding up or dissolution; and
2.4 which is exempt from the payment of income tax under the provisions of the Income Tax

Assessment Act 1997.

Do por sia propra bonesto la antaŭaj Estraroj same kiel la nuna havas nenian profiton!

Se Marcel ne deziras reaniĝi al AEA antaŭ ol ĝi elputriĝos, li certe mortos multajn jardekojn antaŭe.

Restas tamen unu problemo kiun Marcel ne menciis : AEA nun estas registrita sub federacia leĝaro. Antaŭe ĝi estis registrita sub ŝtata leĝaro, mi nun forgesis en kiu ŝtato. Tiu ŝanĝo okazis pro la vaste diferencaj ŝtataj leĝoj. Ni devus resti sub federacia leĝaro !

Volo Gueltling




Karaj,
Jen la 11a rakonto en Esperanto de BookBox. Mi mem tradukis ĉiujn tiujn rakontojn.
Kio do estas la plej granda trezoro?
http://www.youtube.com/watch?v=172luzJwD_o
Amike, Nicole



Kelkaj provkopioj de la nova KEY printitaj de mia komputila printilo. Mi uzis ĝian kapablon printi 2 flanke. Faldis ĝin, ree faldis, krampis, tranĉis la paĝajn randojn per tondilo, malfermis la A7 libreton.
Margaret Chaldecott tajpis la gramatikon, dum 3 tut-tagoj, mi kreis la aliajn informajn paĝojn, mi puŝis la tuton al A7 formato. Multegaj fuŝprovoj dum multegaj horoj, semajnoj, monatoj.
Nun mi deziras ke interesuloj provlegu la informon. Mi povas sendi la kvar A4 paĝojn rete al interesuloj kaj ili povos krei kopiojn de la libreto, kaj eble trovi erarojn kaj sendi plibonigaĵojn al mi. Poste mi esperas ke ĝi estos profesie printota.
Rapidu por ke ĝi pretu por la Lingva Festivalo la 1an de junio 13.
La celo estas eta lernolibreto por propagandi Esperanton al lingvaj studentoj kaj aliaj

Amike, Roger

La libroj de AEA, alvenis en Esperanton Domon ĉi matene per mebla kamiono. Nun la laboro komenciĝos.

## Vortoj de "Lernu"

KOLIZII
1. Renkontiĝi kaj ege forte tuŝi sin reciproke:
Ĵus okazis granda akcidento - du trajnoj koliziis.
Esperu, ke neniam okazos kolizio de kometo kun la tero.
2. Kontraŭi, konflikti, neakordiĝi (se paroli pri cirkonstancoj aŭ sentoj):
En li la honoro koliziis kun timo.
En la konkurso videblis granda kolizio de diversaj teamoj.